# INTERNACIA JURNALISTO

3-4

JULIO—DECEMBRO,

1967

Sofio — Bulgario



Nia redaktoro kune kun elstaraj bulgaraj sociagantoj en Moskva, Sovet—Unio, okaze de la 50-jara jubileo de la Oktobra revolucio

# PRI LA STAGNADO DE LA ESPERANTO-MOVADO EN IUJ LANDOJ

*Ankoraŭ pri la plibonigo kaj perfektigo de la internacia Esperanto-laboro kaj propagando.*

*Kiel ni jam menciis en iuj pasintaj numeroj de „Internacia Ĵurnalisto", jam ofte aŭdiĝas voĉoj kaj konstatoj, ke nia movado en iuj landoj-precipe okcidentaj — de certa tempo stagnas. Tiun problemon tuŝas ankaŭ kelkaj okcidentaj Esperanto-gazetoj. La konstato-diagnozo estas vera. Sed nur kun konstatoj niaj aferoj neniam pliboniĝos. Necese estas pristudi detale, serioze, eĉ science, sociologie la kaŭzojn de la stagnado en internacia kaj enlanda skalo (por ĉiu lando aparte). Certe estas iuj ĝeneralaj por la movado kialoj. Certe estas apartaj kialoj por apartaj landoj. Ni estas devigataj eltrovi ilin kaj preni efikasajn rimedojn por ilia forigo.*

*Paralele kun tiu pristudo oni devas pristudi ankaŭ kiel staras nia afero en la landoj kie nia movado prosperas aŭ ne stagnas kaj poste popularigi iliajn labormetodojn. Kial tie la esperantistoj havas konstantajn sukcesojn?*

*Eble en la landoj kie la Esperanto-movado ne estas en bona stato ne estas objektivaj politikaj, sociaj kondiĉoj? Eble, malgraŭ la klopodoj de la esperantistoj oni ne trovas interesiĝon? Aŭ eble tie ne estas esperantistoj spertaj, viglaj. Aŭ iliaj labormetodoj ne estas bonaj, trafaj?*

*Kaj male-ĉu en la landoj, kie nia movado viglas-ekzistas favoraj politikaj, sociaj kondiĉoj? Aŭ en ili estas spertaj esperantistoj, aplikantaj efikasajn metodojn de laboro kaj propagando?*

*Aŭ eble en iuj landoj la adeptoj de Internacia lingvo ne komprenas bone la internajn ideojn de nia movado? Ie eble la esperantistoj (temas pri la gvidantoj) sen la internaj ideoj trovas en la esperantista laboro nur amuzijon?*

*Certe en iuj landoj ne estas unueco inter la esperantistaj medioj kaj gvidantoj? Kaj ie oni ne komprenas, ne scipovas lerte apliki Esperanton en la praktikon? Malgraŭ la klopodoj de la novestarigita internacia organizaĵo — IOE — Internacia Instituto por la Oficialigo de Esperanto. UEA kaj IOE. Ĉu en la programo de UEA ne estas antaŭviditaj ankaŭ la taskoj de IOE?*

*Eble. . . Eble. . .*

*Por ne paroli nur „eble", oni devas serioze pristudi la aferon.*

*Per tiu ĉi plej grava tasko devas okupiĝi unue UEA — Universala Esperanto-Asocio. Tio estas ĝia plej grava devo. Tio estas ankaŭ devo de ĉiuj estraroj, gvidantoj de la esperantistaj organizaĵoj neŭtralaj kaj ne neŭtralaj, fakaj kaj ne fakaj, en internacia skalo kaj en iliaj landoj mem.*

*Tio kaj ne la principoj de ATA—ITA— estas la plej grava tasko kaj devo de ĉiuj esperantistaj-internaciaj kaj enlandaj estraroj!*

*En la lastaj jaroj nia Esperanto-afero atingis gravajn sukcesojn diversflankajn. Kompreneble meriton pri tio havas ankaŭ UEA. Oni jam organizas pli amosajn kaj fruktodonajn internaciajn Esperanto-kongresojn. La membraro de UEA plimultiĝis. En la labormetodoj de la Estraro de UEA estas plibonigo kaj persistemo laŭplana. De tie venas la sukcesoj. Kiel ni menciis, sufiĉe bonajn sukcesojn havas la esperantistoj en Bulgario, Pollando, Hungario, Jugoslavio, Francio k. a. Ekvigliĝis la movado en Sovet-Unio, GDR k. a. En iuj el la menciitaj landoj estas atingaĵoj malgraŭ iuj provizore ne tiom favoraj kondiĉoj.*

*Dum la Universalaj Esperanto-Kongresoj oni pritraktas jam gravajn problemoj de la movado. Sed la problemo pri la stagnado en iuj landoj ankoraŭ ne staras sur la unua loko en la tagordoj de tiuj kaj aliaj internaciaj kaj enlandaj Esperanto-forumoj.*

*Tio ne devas okazi plu. Ekde nun en la tagordoj de la Universalaj Esperanto Kongresoj, la Kongresoj en la landoj, kie estas stagnado, oni devas jam pritrakti, pristudi la problemon pri la stagnado, eltrovi la kaŭzojn pri tio kaj preni rimedojn por plibonigo de nia movado. Certe tiu grava demando devas esti starigita en aparta, speciala laborplano de UEA, de iuj landaj estraroj.*

*Tiu problemo devas esti pritraktata ankaŭ en la organo de UEA—„Esperanto", kaj en la landaj presorganoj. Oni ne devas atendi plu!*

Erno Farkas

# MIA RENKONTO KUN SEKRETARIO DE LEO TOLSTOJ

Estimataj kolegoj A. Sifman kaj N. F. Danovskij, vi interesiĝis pri la iama franca sekretario de L. Tolstoj, en viaj artikoloj, kiuj aperis en la revuoj Literaturnaja Rossija kaj Internacia Ĵurnalisto. Se vi permesos al mi, mi respondos viajn artikolojn en tiu ĉi revuo, ĉar tre verŝajne ĝi interesos ne nur vin kaj viajn legantojn, sed nian legantaron.

Enkondukante mi povas sciigi vin, ke la sekretario de Leo Tolstoj, s-ro Viktoro Lebrun vivas en la sud-franclanda departemento Bouches-du-Rhône. Eble li skribis ĝuste laŭ mia sugesto al Tolstoj-Muzeo en Jasnaja Poljana; nome vizitante lin, mi kuraĝigis lin skribi tien pri la leteroj de Tolstoj, nekonataj al la publiko.

Cetere pri nia renkonto jen la detaloj: En 1965 mi faris longan prelegvojaĝon en Francio. Inter aliaj mi havis du prelegojn ankaŭ en la urbo Aix-en-Provence. Post mia unua prelego s-ro M. Jullien, ĉeflerneja profesoro, menciis la sekretarion de la mondfama verkisto, aldonante, ke multaj dubas, ke s-ro Lebrun vere estis la sekretario de L. Tolstoj.

— Do, estus bone, se ni povus pli klare vidi tiun ĉi aferon — rimarkis nia kolego.

La interesa informo tre ekscitis min kaj laŭ mia peto s-ro Jullien bonvolis veturigi min per sia aŭto al s-ro Lebrun.

Ni zigzagis inter pitoreskaj kaj tenere arbaraj montet-altajetoj, kiujn ofte ŝanĝis vinberujoj. Dumvoje mia afabla gvidanto rakontis, ke la sekretario vivas kun sia filo en renovigita konstruaĵo de iama tertremfrapita komunumo. Ili vivas solaj inter la ruinoj, ĉar la loĝantaro definitive forlasis sian loĝlokon. Ili okupiĝas pri ter-kaj abelkulturadoj. Cetere s-ro Lebrun estas entuziasma veterana esperantisto, kaj ĝenerale tiam vizitas nian urbon, kiam ankaŭ nia Esperanto-klubo havas sian klubkunvenon. Samtempe li faras siajn aĉetojn kaj provizas sin per intelektaj naturaĵoj, prenante multajn librojn el la bibliotekoj. Mian konstante kreskantan interesiĝon pri s-ro Lebrun mia akompananto subite intencas malvarmigi en la granda somera varmo, atentigante min, ke ni ne povos resti longe ĉe s-ro Lebrun, ĉar hodiaŭ mi havos mian duan prelegon pri Hungario, do ni devos ĝustatempe revojaĝi. Poste mia kolego petas min, ke mi ekprovu la rusan parolkapablon de s-ro Lebrun, eĉ mi petu de li iun objektan dokumenton rilate al Tolstoj. Oni povu meti klara fine lian iaman sekretarian funkcion.

Baldaŭ mia akompananto bremsas sian aŭton ĉe unu vojranda aviztabulo, sur kiu ni povas legi la sekvan francan tekston:

A l' unification de l' effort intellecuel et moral du genre humain: Il est temps pour l' intellect humain de se réveiller à la réalité: Espéranto langue diplomatique et unique pour le monde. Un seul alphabet phonetitque unique pour toutes les langues: (comme les mathématiques et la musique).

Tout homme doit savoir deux langues: celle de son pays et l' Espéranto!

Kaj malsupre de la afiŝo oni povas legi: „miel de lavande" t. e. levandomielo, kun la adreso de Lebrun.

— Nu, ni havas la ĝustan vojon? — rimarkas mia gvidanto.

Post kelkaj minutoj devojaĝante de sur la vojo li haltigas la aŭton inter la ruinoj. Elaŭtiĝante ni rimarkas pli aĝan viron kun densaj grizaj haroj, kiu je nia alproksimo june eksaltas de sur la tero, kie li ripozis kuŝante sub granda nuksarbo. Li aspektas ĝuste tiel nudpiede en siaj pantofloj, velura pantalono kaj en la refalditaj blankaj ĉemizmanikoj, kiel hungara kamparano, aŭ unu el la rusaj muĵikoj, konataj al mi laŭ la bildoj.

Dum la reciprokaj sinprezentoj malkovriĝas, ke li estas s-ro Lebrun. Mi atente esploras tiun ĉi francon greftate en rusa muĵikaspekto. El lia simpleco konvinke radiadas al ni liaj intelektaj kaj moralaj fidindeco kaj aplombo. Mi estas jam konvinkita sen dokumentoj, ke s-ro Lebrun vere estis sekretario de L. Tolstoj. Mia opinio pri Lebrun — min impresas tiel — kongruas kun de tiu mia franca amiko. Sed por la neĉeestantaj francoj dubemaj ni bezonos akiri pli konkretajn dokumentojn.

Intertempe s-ro Lebrun sidigis nin kun sincera gastamo sur seĝojn kun pajloplektitaj sidaĵoj, kiuj ĉirkaŭas fositan puton. Li metas lignotabuletojn, tiel li pretas tablon por ni.

Ni konversacias france. Li parolas laŭ niaj demandoj. Sekve ni ekscias, ke li iĝis sekretario de Tolstoj en 1900, kaj restis ĉe li ĝis lia morto. Nome la patro de Lebrun kiel fervojkonstrua inĝeniero partoprenis la

konstruon de la transsiberia fervojlinio. La patro alkondukis ankaŭ sian familion en Siberion. La patrino estis adoranto de Tolstoj, eĉ ŝi korespondadis kun la fama verkisto. Kiam la verkisto serĉis francan sekretarion por sia plivastigata korespondado, tiam Lebrun alvenis al Tolstoj.

Kiam mi komencas paroli pri la verkoj de Tolstoj, videble li iĝas feliĉa, precipe tiam, kiam mi rakontas, ke en Hungario la verkoj de Tolstoj estas eksterordinare popularaj kaj ili aperadas en novaj kaj novaj eldonoj.

S-ro Lebrun, rimarkante mian Esperanto-insignon, subite ŝanĝas la francajn vortojn en Esperanton. Nia konversacio nun iĝas vere pli amika kaj intima. Baldaŭ li petas nian pardonon, kaj forrapidas al sia ruindomo, de kie li portas teon, bolita en samovaro, kun citrono, mielo kaj bakaĵoj. En la granda varmego la bongusta miela kaj citrona teo estas bonvena.

Kiel antaŭe, li ne povis surprizi min, kiam li ŝanĝis la francan parolon en Esperanton, tiel same ankaŭ li ne estas surprizita, kiam mi demandas lin ruse:

— Ĉu vi havas hazarde iun manskribajon de Tolstoj?

— Jes, — respondas li modeste.

Nun ruse li petas nian pardonon kaj afable invitas nin en sian pentrindan ruindomon.

Lia puritana kaj granda liberfajruja kuirejo surprizas nin. Ĝi memorigas al mi pri preskaŭ simila de mia avino. Unu el ĝiaj anguloj servas por li kiel „laborĉambro" kun sia butiktabletsimila skribotablo. Sur la muroj estas librobretoj. Unu breto havas okulfrapan surskribon: Lingvo Internacia — Esperanto-libroj. Ĉe la breto estas granda portreto de Tolstoj, apud ĝi citaĵoj de Tolstoj pri Esperanto. Jen unu el ili: „. . . mi povis post ne pli ol du horoj da okupiĝo, se ne skribi, sed tute libere legi en tiu ĉi lingvo (t. e. Esperanto)" — El letero de Tolstoj, al distrikta juĝisto V. L. Kravcov en 1894.

Intertempe Lebrun prenas skribaĵujon kaj montras dudek originalajn leterojn de Tolstoj, metitajn inter travideblajn foliojn. Kun profunda estimo ni esploras la leterojn skribitajn ruse kaj france.

Ĉu vi jam publikigis ilin? — demandas mi.

Lebrun rakontas, ke li nuntempe prespretis siajn memorojn Esperante, france, ruse kaj itale kaj montras tuj unu manuskripton kaj klarigas:

— Mi intencas aldoni ĉi-leterojn en fotokopioj al mia memuaro.

Kiam ni malfermas liajn manuskribaĵojn ni vidas ĝian titolon:

Viktor Lebrun

LEO TOLSTOJ

REMEMOROJ DE AMIKO KAJ IAMA SEKRETARIO

kun dudek leteroj de Tolstoj al la aŭtoro

La verko de Lebrun konsistas el du partoj: La majstro kaj lia adepto, kaj: Post kvindek jaroj.

Ni konsilas al li nepre skribi al Tolstoj-Muzeo, ĉar ĉi-leteroj ĝis nun ne konataj al la publiko, certe estus literaturaj delikataĵoj precipe por la rusoj: Intertempe, eble Lebrun skribis al Sovetunio, sed verŝajne li ne malkovris sian adreson kaj pro tio interesiĝas nuntempe la literaturistoj kaj ĵurnalistoj el Sovetunio pri Lebrun.

Laŭ la dezizo de mia gvidanto, kiu ne komprenas la rusan lingvon, ni jam daŭrigas nian konversacion Esperante.

— Kiel vi scipovas la rusan lingvon eĉ nun? — ree dimandas mi.

— Kelkfoje mi legadas ankaŭ ruse kaj havas kelkajn lernantojn, kiuj volas lerni la rusan lingvon.

— Ĉu vi scius eble ion, ke Tolstoj estus parolinta Esperante?

— Li komprenis kaj legis Esperante, sed laŭ mia scio li nenion skribis kaj ne parolis ĉi lingvon. Sendube li tre favore apogis Esperanton, ĉar li firme opiniis ĝin grava ilo de la paco kaj lingva egalrajteco inter la popoloj.

— Verŝajne vi scias, ke inter liaj amikoj estis ankaŭ esperantistoj, kiel ekzemple S. Taneev — konata komponisto. Ĉu hazarde vi ne aŭdis, ke ili estus parolintaj kelkfoje pri Esperanto?

— En lia ruslingva korespondado Tolstoj plurfoje pozitive skribis pri Esperanto. Dum la lastaj dek jaroj, kiam mi laboris apud li, ni ne parolis pri Esperanto, ĉar ni estis tro okupitaj. Ni havis aliajn urĝajn aferojn. Cetere ĝuste nur nun mi informiĝis de vi, ke ankaŭ Taneev estis esperantisto.

— Estimata s-ro Lebrun, mi tiel scias, ke vi estas esperantisto ekde 1900. Se vi permesus al mi la demandon, kiam vi naskiĝis?

— Vere mi estas esperantisto ekde 1900, kaj tre verŝajne mi apartenas al la pli maljunaj veteranoj, ĉar mi naskiĝis en 1882.

— Kion vi faras en via libertempo en tiu ĉi soleco?

— Mi ne enuas, nuntempe mi preparas la bibliografion de Tolstoj. Multobligita parto el ĝi estas jam preta. Se vi akceptas ekzempleron, mi donacus al vi.

— Kun grandega ĝojo mi akceptos, eĉ mi ŝatus peti ankaŭ vian portreton memore.

— Tre volonte. Sed bedaŭrinde mi havas nur malnovan memportreton.

Kiam li transdonas ilin, mi petas lin skribi kelkvortajn dediĉojn. Li estas vere afabla kaj skribas:

Al s-ro Erno Farkas kun granda honoro, memorigante pri nia tre mallonga renkontiĝo en Puy-Sainte-Reparade

18. 6. 65. V. Lebrun

Mi ĝoje dankas ĉion. Mia akompananto jam iĝis plene senpacienca kaj senheziteme adiaŭas s-ron Lebrun. Ĉimaniere ankaŭ mi estas devigata fari simile. Eble estas superflue diri, ke mi tre malfacile diras adiaŭon al li ĉar mi fermis la tre simpatian sinjoron Lebrun en mian koron. Kiam ni manpremas, mi devas promesi al li: se mi denove vojaĝos al Francio, nepre mi vizitos ankaŭ lin, sed ĝis tiam mi proponas leterŝanĝojn.

De tiam ni korespondadas. Lastfoje mi ricevis de li leteron en aŭgusto 1967. Samtempe li sendis al mi sian franclingvan broŝuron pri Tolstoj kaj ankaŭ alian, kiu estas esperantlingva traduko de revuartikolo de profesoro Hendrik van Oyen.

Fine mi mencias, ke s-ro Lebrun rajtigis min eldoni lian memuaron pri Tolstoj esperante kaj hungare.

El hungara tradukis: Lenke KUN

# LETERO DE S-INO LENKE KUN AL „INTERNACIA JURNALISTO"

**Szeged, 19. IX. 1967**

Tre estimata s-ro Redaktoro!

Unu el niaj legantoj donacis jarkolektojn de „I. J.", kiujn multaj legis en la legosalono de Hungarlanda Esperanto-Muzeo kaj Biblioteko. En la pasintjara N-ro, s-ano prof. Ernó Farkas, fondinto de HEMB, same legis la artikolon de s-ano Danovskij, poste li legis la artikolon ankaŭ dum nia klubkunveno, poste rakontis lian renkonton kun la sekretario de Tolstoj. Iu el la klubanoj sugestis al li skribi la renkonton por hungara literatura revuo. Prof. Farkas faris tion kaj nun mi opinias aperigi ĝin en mia traduko en via revuo „I. J." Nome la artikolo vekis sufiĉe vastan interesiĝon inter la legantaro.

Mian tradukon mi sendis ankaŭ al eksterlandaj nacilingvaj revuoj, tamen la primarajto koncernas vian revuon en Esperanto. Pro tio mi sendas la artikolon por via revuo, el kiu povas uzi poste ankaŭ la aliaj Esp. revuoj, se ili volos ĝin. Memkompreneble samtempe kun ĉi letero mi sendos ĝin ankaŭ al s-ano Danovskij.

Mi pensas, ke ankaŭ vi povus ĝin aperigi ankaŭ bulgare, ĉar ankaŭ en Bulgario vaste estas konataj la verkoj de Tolstoj, kaj samtempe ĝi servos efike ankaŭ al Esperanto.

Estimata redaktoro, se en ies traduko — kiun mi forte esperas—aperos ankaŭ bulgare, mi tre petos Vin, nepre sendi el la koncerna bulgara revuo 2 ekzemplerojn por HEMB, nome ni tre atente sekvas tiujn artikolojn, verkojn ĉe kiuj **Esperanto** servis **kiel pontolingvo**. Laŭ mi ni povus pli efike poruzi nian Internacian Lingvone ĉi-cele.

El tiu-ĉi penso fluas du aliaj:

**La unua:** ankaŭ Vi povos sendi propran artikolon al Fejér Megyer Hírlap (por s-ano Antal Katai jurnalisto) **Szkésfehérvár**, Hungario, kiu iniciatis artikol-serion sub la nomo: En la 22-a jaro de paco; ĝia celo estas fortigi la fadenojn de paco kaj amikeco. Vian artikolon paciendencan li tradukos hungaren kaj publikigos ĝin en lia Ĵurnalo.

**La dua:** aldonante mi sendas tradukon de rakonto de István Tömörkény, kies centjara kaj 50-jara jubileoj ĝuste nun estis aktualaj (1866—1917). Eble VI povus ĝin traduki bulgaren kaj aperigi ĝin en iu el viaj revuoj. Mi faras kelkajn notojn pri la verkisto: Tömörkény akirinte la farmaciistan diplomon, mallonge laboris en sia fako, ĉar baldaŭ iĝis ĵurnalisto kaj verkisto konata en nia tuta lando. En 1899 li iĝis bibliotek- kaj muzea direktoro en Szeged, en tiu kulturpalaco, en kiu funkcias ankaŭ la Hungarlanda Esperanto-Muzeo kaj Biblioteko. Lia statuo nun staras antaŭ ĉi-tiu kulturpalaco, kie li laboris. Lia unua verko tradukita en Esp. aperis en 1914, cetere li estas la unua landkonata hungara verkisto, kiu tre pozitive kaj alte taksis la valoron de Esp. Kiam aperis la unua Esp.-hungara gramatiko en 1898 li tuj skribis tre valoran informartikolon pri Esp.

Oni aperigas ankaŭ nun multajn liajn rakontojn, li verkis kelkajn teatraĵojn. Li estis majstro de senpera kaj popolmaniera stilo. Kiel muzea direktoro li gvidis arkeologiajn laborojn sub la surfaco de granda hungara ebeno. Dum tiuj laboroj li pli kaj pli atentis la naturon kaj la cirkonstancojn de la malriĉuloj. Li iĝis verkisto de etnografiaj, lingvaj studoj kaj eseoj, sed li iĝis ankaŭ unu el la plej eminentaj hungaraj rakontistoj pri la temo de la malriĉula vivo. La donita traduko estas karakteriza pri liaj maniero kaj talento, kies simplaj rimedoj donas klasike emociigan belan bildon pri homo, temo kaj loko.

Kun kamaradecaj salutoj Via
Lenke KUN

kunlaboranto de Hung. Esp-isto kaj de HEMB.

Adreso: f-ino L. KUN, Esperanto-Muzeo, Szeged p. f. 441, Hungario

**Redakcia noto:** la rakonto de I. Tömörkény „Estis destinite tiel" aperos en la sekvonta n-ro de „Internacia Ĵurnalisto". La leteron de s-ino Kun ni aperigos kun tute malgranda redukto.

# DUDEK MIL KILOMETROJN MARVOJAĜO

## (Vojaĝpriskribo)

Antaŭ ol eniros en la haveno de Antverpen (Anvers) ni devis atendi pli ol 3 horojn la altan tajdon de la maro, kaj ankoraŭ 2 horojn ĉe la kluzoj. Jen ni poste eniris Antverpenon. Bedaŭrinde nur tie ĉi nin ne atendis la elstara belga kolego, kiun mi anticipe avertis pri nia alveno. Eble li ne ricevis mian leteron.

### En Antverpen(Anvers)

Dufoje ni vizitis tiun interesan belgan havenurbon. Ni trarigardis la modernan parton de la urbo, kaj poste ankaŭ la malnovan, kiu estas pli interesa por turistoj. Ni vidis la placon kaj la monumenton de la granda belga pentrartisto Rubens kaj la urban katedralon, kie estas metitaj originalaj pentraĵon de Rubens. Aparte



**Antverpen — Belgio**

vidinda estis la domo-muzeo de ia pentristo. En diversaj eŭropaj urboj mi vidis multajn valoraj petraĵojn de Rubens, kiuj altiras In atenton de la turistoj per sia majstraco.

Jen ankaŭ la Granda placo kun la Palaco kaj domoj en malnova stilo kaj la originala monumento de Brabo. La legendo rakontas, ke la riĉulo Brabo malfacile dividis sian havajon (heredaĵon) inter la du siaj filoj. Restis ne dividita nur lia ŝipo. Tiam la patro al siaj filoj, kiu el ili konkurante atingos la ŝipon unua, recevos la tutan ŝipon. Dum la kurado la pli granda filo, vidante ke kiel pli maljuna estas forrestinta de sia pli juna frato, li eligis sian tranĉilon, detranĉis sian manon, jetis ĝin al la ŝipo kaj tiel la unua palpis la ŝipon. Tiel li gajnis ĝin kiel heredaĵon. Terura afero kaj monumento!

Posttagmeze niaj maristoj pilkludis (metĉon) kun maristoj de unu GFR-ŝipo, venkinte ilin. Laŭ la invito de la germanaj maristoj ni gastis la vesperon al la germanoj. Oni regalis kaj gastigis nin sincere. Aŭdiĝis bulgaraj naciaj kaj popolaj kajntoj, postsekvitaj de germanaj. Prifesia amikeco!

Post la trarigardo de aliaj antverpenaj vidindaĵoj, stratoj kaj magazenoj, nia ŝipo, laŭ rivero Ŝelbo eniris la maron laŭvoje al Hispanio.

### En Bilbao — la norda hispana havenurbo

Preter la franca marbordo, tra Baska golfo, ni eniris la havenon. Estas jam pli varme-varmaj lando kaj popolo. Dum la vespero ni rigardis hispanajn televidfilmojn sur la ekrano de nia televidilo. Eĉ oni prezentis la ĥoristojn-kantistojn de la soveta Igor Mojseev. Dum la nokto ni rigardis la havenlumojn kaj la belajn montojn de tiu brava lando. Tion nokton mi dormis nur 3 horojn, senpacience atendante la viziton de Hispanio nordokcidenta.

Matene ni trarigardis la urbon Santorse-haveno de Bilbao. Estas novaj loĝkompleksoj, sed por ni ankaŭ tie ĉi estas pli interesaj la malnovaj partoj de la urbo. Tiuj partoj iom similas al la arabaj en la meza oriento: mallarĝaj stratoj, vendejoj malgrandaj, tumulto, vendistaj krioj, alvokantaj aĉetantojn. Odoro de bakitaj fiŝoj surstrate, biero, vino bongusta kaj malmultekosta, malpuraĵo. Tropikaj arboj kaj floroj. Palacoj de riĉuloj. Kaj la popolo-similaj per sia babilado kaj vigleco al la itala, eĉ kiel la bulgaroj-gastama.

La sekvantan tagon per la vagonaro ni ekveturis — 12 klm for-al Bilbao, tra urbetoj Santorse kaj Portugaleta, kiujn ni poste vizitis. Simpla vagonaro, en kiu veturas ordinaraj hispanoj, precipe laboristoj-metalurgistoj, ŝarĝportistoj, fiŝistoj, vilaĝanoj. Mi lernas obstine hispanan lingvon kaj nun penas alparoli la kunvojaĝantojn. Ni trapasas la metalurgfan uzinon, aliajn entreprenejojn kaj-jen, ni eniris en la ĉefurbon de Baskio-Bilbao. Granda, bela, eŭropaspekta, interesa urbo, samtempe konservanta sian nacian stilon. Precipe pitoreska estas la urbo kun la ĉirkaŭan taj ĝin altaj montoj, kun siaj modernaj konstruaĵoj, asfaltiraj stratoj, belaj magazenoj. Granda mezepoka kastelo staras sur alta monto. Turistoj de aliaj landoj fotografas apartajn vidindaĵojn. Nia kvaropo eniris en periferian drinkejon. La posedanto-gastama homo-kompreninte el kiu lando ni venis, akceptis nin tre afable. Kompreneble, kiel basko kaj ne riĉulo, li ne kaŝis sian kontraŭfrankisman komprenon, kian ni konstatatis ankaŭ ĉe aliaj hispanaj laboruloj. La posedanto regalis nin per bona vino, ĉerpita el speciala ŝaffela sakvinujo, kaj per bakitaj fiŝoj. Ni tostis kun li por interpopola amikeco kaj libereco. Tie ĉi ni ne havis tempon por serĉ esperantistojn.

La alian tagon, posttagmeze nia vaporŝipo eliris el la haveno revene al la Balkana duoninsulo

### La nortminaca ŝtormego

Multfoje mi legis pri grandaj martajfunoj, en filmoj oni vidis similajn danĝerajn marfenomenojn. Sed nenielokaze mi ne pensis, ke iam ankaŭ mi persone suferos tian teruraĵon.

Antaŭ ol ni forlasis la havenon la vetero subite tre malboniĝis. Ju nia maristo diris: — Ne plaĉas al mi tiuj ĉi blankaj birdoj kaj cikonioj-montrante la ŝaŭmojn sur la ondegoj. Laŭ la meteorologia prognozo, okazos ŝtormego kun 9—10 maraj kaj ventegaj baloj. Iuj ŝipoj, elirintaj kune kun la nia, tuj revenis. Anstataŭ imiti tion, ni daŭrigis nian vojon tra la baska golfo-nomita juste „tombegejo de ŝipoj". Centoj kaj miloj da ŝipoj pereis en tiu ĉi golfo. Ĉu venis ankaŭ nia vico?

Subite la ĉielo malsereniĝis, ekpluvis, ekfrostiĝis. Ventego ondigis la maron kaj la altegaj ondoj komencis ludi kun nia ŝipo kiel kun alumetskatoleto. Ĉiuj rapide vespermanĝis en siaj kabanoj, tuj ekkuŝinte sur la litojn. Mia kolego Kiril ekkriis iom ŝerce, iom timeme:

— He, panjo karega? Ĉu jam venis la monda pereo kaj la lasta juĝo? La ondegoj levis la ŝipon unue sur lian „nazon", poste sur lian „postaĵon", poste kuŝigis ĝin

sur la dekstran flankon, fine — sur la maldekstran. Mia lito ekbalanciĝis kiel lulilo. Desur la skribotablo miaj libroj kaj paperaĵoj ekflugis super la planko kiel mevoj. Elsub la lavujo elsaltis deko da gazakvaj boteloj kaj ruliĝante komencis rapide kuradi sur la planko tien-reen, dekstren-maldekstren, kvazaŭ timigitaj ratoj. Dum la nokto granda nigra ombro kiel aglo, etendanta flugilojn traflugis preter mia kapo kaj kun tondro falis sur la plankon. Tio estis mia valizo, kiu elflugis desur la vestoŝranko malfermiĝanta. Bone ke ne trafis mian kapon. Kiel obstina ebriulo mi leviĝis kaj alpaŝis al la skribotablo por savi miaj du skribmaŝinojn (kun rusa kaj latina literaroj), kiuj glitadis tienreen. Mi leviĝis, sed la kliniĝinta ŝipo forte ĵetis kaj frapis min sur la pordon. Kaj poste — al la fenestro, kaj poste — al la ŝranko, kaj . . . sur la plankon. Rampante mi apenaŭ iris al la maŝinoj kaj kaŝis ilin sub la kuŝsofon.

Kaj tiel mi trapasis 48 horojn, eĉ ne pensante manĝeti ion. En la sama stato estis ankaŭ la aliaj. Precipe ili estis timigitaj de la ĝemhurlado de la helico, kiu de tempo al tempo leviĝis super la marakvo. Iam oni sentis, ke la ŝipo dronas en la maro, kaj ne eliras, iam krazaŭ ĝi rompiĝas je du duonoj. Nur la maristoj staris kuraĝe sur siaj postenoj. De tempo al tempo iuj el iliaj ĉefoj vizitadis la vomantajn pasaĝerojn, trankviligante ilin per citronado kaj kuraĝigaj vortoj.

Poste la maristoj rakontis al ni, ke la morto estis tre proksima al ni. La ondegoj forbalais ĉiujn objektojn-ŝrankojn, kaĝojn ktp troviĝintajn sur la ferdeko. Ili rompis ankaŭ la grandan kaĝon, en kiu kuŝis la dika ŝnurego, per kiu la ŝipo kroĉiĝis al la kajoj. La ŝnurego disvolviĝis kaj rampante, portata de la bolantaj akvoj, alkondukiĝis tra la ŝnurtruoj al la ŝiphelico. Kaj se ĝi sukcesus kaptiĝi al la helico, rompis ĝin, nia pereo estus mil procenta. Ĝuste en tiu fatala momento unu el la gejorantaj maristoj rimarkis la minacegon. Per grandegaj penegoj kaj klopodoj, batalante kun la ondegoj, kun risko de sia vivo, li sukcesis kapti kaj eltiri la ŝnuregon. Tiel tiu heroo savis la ŝipon kaj la vivon de pli ol 40 homoj.

Dum la tempesto la ŝipo veturis apenaŭ po tri kilometrojn hore dum la du tagmezoj. Fine la ŝipo eliris el la Baska golfo, eniris la Atlantikon kaj preter la portugala bordo, tra Gibraltara markolo eknaĝis en Mediteraneo. Revene laŭ la trapasita jam vojo ni atingis post kelkaj tagoj.

Fino



La kastelo en Bilgao — Hispanio

## La havenon de Tesaloniko, Greklando

Tie ĉi ni trapasis tri taĝojn. La vivo de la tesalovikanoj tre similis al tiu de la hispanoj. Ni renkontadis multajn homojn, parolantajn bulgare. La greka popolo estas vigla, demokrata kaj batalema. Ĝi toleras nenian reakcian diktaturon. Unu maljuna stratvendisto diris al ni iom konfidence:

— En nia lando estas ankoraŭ faŝistoj. Sed ni ĉiam kontraŭbatalas ilin.

Bedaŭrinde, post kelkaj monatoj reakcia militista bando per puĉo renversis la demokratan registaron. Kaj nun la greka popolo ankoraŭfoje organizas sin por almiliti sian liberecon.

Ni trarigardis la tesalonikajn vidindaĵojn kaj vendrede matene ni forlasis la grekan bordon. Post kelkaj tagoj, trairinte la Dardanelojn, la Bosforon, nia ŝipo eknaĝis en la Nigra maro kaj atingis la havenon de la belega urbo Varna, konata en la tuta mondo per siaj maraj somerumejoj, plaĝoj kaj ripozdomoj, vizitata ĉiujare de milionoj da turistoj kaj somerumantoj.

Tri monatojn-for de nia patrolando! Tio estis ege multe. Tial, post la elŝipiĝo ni tuj forveturis al nia kara kaj bela ĉefurbo Sofia, sufiĉe lacigitaj, sed kontentaj kaj plenplenaj je belegaj vojaĝimpresoj.

Ivan Esperov

## Ŝanĝo de adresoj

Jen la nova adreso de: Boris Grabnar, Ljubljana, Kristanova 2, Jugoslavio.

Nova adreso de: N. V. Blaĵkov, Odessa 1, ul. Jukovskogo 22 kv. 17, Sovet-Unio.

Kaj de: Andrej Sidorov, ul. Bogdan Hmelnickogo 8, Ĉerkassi (obl.) Sovet-Unio.

# LA TASKOJ DE LA FAKAJ ORGANIZAĴOJ*

Du sekcioj de la 52-a UK diskutis fakajn aplikojn de Esperanto: Sekcio I ĝeneralajn, Sekcio III la turismajn. Relegante nun, unu monaton poste, la tiamajn diskutojn, oni povas distingi du gravajn problemojn: tiun de la ekvilibra plenumado de laborplanoj kaj tiun de la ekstaraj fakaj kontaktoj.

La Dua Baza Laborplano de UEA (1956) mem difinis: ,Ĉiuj eroj de la programo estas same gravaj kaj dependas unu de la alia". Nepre! Unu ekzemplo: La eron 5(f), „duobligi la nombron de fakaj delegitoj" ni preskaŭ jam plenumis. En 1967 estas 1774 FD kontraŭ 914 en 1956. Sed la sama Laborplano postulis „konsiderinde altigi la nombron de individuaj membroj". Kresko de 6204 en 1956 al 7514 en 1967 ne estas „konsiderinda altiĝo". Sekve la elspezoj (administrado de FD, presigo en la Jarlibro) multe kreskis, sed la enspezoj (individuaj kotizoj) preskaŭ ne. Konsekvence necesis redukti en 1967 la paĝojn dediĉitajn al fakaj kaj neneŭtralaj organizaĵoj. Mallonge: necesas taciigi kaj ampleksigi la fak-delegitan reton, jes — sed samtempe la fakaj organizaĵoj aliĝu kolektive al UEA (ankoraŭ nur tri tion faris!) kaj instigu siajn membrojn individue aliĝi. La sama principo validas por ĉiuj eroj de la Laborplano. Senutile ellabori fakajn terminarojn, se oni ne verkas fake en Esperanto; aliflanke faka verkado iĝas ĥaosa, se mankas terminologia unueco. Ĉio devas progresi samtempe kaj paralele!

La dua problemo estas tiu de la eksteraj kontaktoj. Ni prenu la ekzemplon de turismo. La plimulto de turismaj oficejoj en la mondo ankoraŭ ne korespondas Esperante. Estas do pli facile ricevi informojn per la delegita reto de UEA. Tio bone funkcias, tamen kun la malbona sekvo, ke la turismaj instancoj povas sin pravigi per tio, ke ili neniam ricevas informpetojn en Esperanto! Ju pli bone laboras la delegitoj, des malpli la urbaj instancoj bezonas korespondi en Esperanto. Simile en aliaj fakoj: ju pli efike laboras (interne) la fakaj Esperanto-organizaĵoj, des malpli oni sentas la bezonon membriĝi (kaj influi) en ne Esperantaj organizaĵoj. Ĝis nun diversaj organizaĵoj trovis diversajn unuopajn solvojn por tiu dilemo. Sed fakte ĉiuj estus aplikeblaj sur ĉiuj kampoj. Ĉiuj (ne nur la juristoj) povus kunveni dum la UK kun ne-esperantistaj fakuloj. Ĉiuj povus direkti rezolucion al la samfaka ekstera instanco (kiel la 3a Sekcio al la turisma organizaĵo UIOOT). Ĉiuj povus per iom da organizo akceptigi Esperanton kiel kongresan lingvon, kiel faris la staciestroj, aŭ kiel lingvo de resumoj en fakaj organoj, kiel atingis la medicinistoj. Kaj en UEA ili povas trovi interfakan forumon por la interŝanĝo de tiaj spertoj. Ili utiliĝu ĝin!

*Ĉefartikolo de „Esperanto" de UEA, n-ro 743(10), 1967.

---

# ESPERANTO EN LA NACILINGA GAZETARO

* La stencilita informilo de Esperanto-societo Ljubijana (Jugoslavio) anoncas pri aperigo de porkomenca E-kurso en la loka gazeto „Nedeljski Dnevnik", komencanta ek de la 8-a de oktobro.

* En 1966 j. en la pollanda gazetaro aperis entute 1724 artikoloj kaj informoj pri Esperanto. Kompreneble en la unua loko estas kiel ĝis nun la gazeto „Ilustrovani Kurier Polski" eldonata en urbo Bydgosz, kiu aperigis ĉirkaŭ 750 informojn pri E-to.

* Konstantajn rubrikojn esperantajn havas la slovakaj gazetoj „Smena", „Svet vedy", „Pionirske noviny" kaj aliaj. En iuj aperas E-kursoj

* En ĉiu numero de la junulara revuo „Magyar Ifjúság" eldonata en 200 000 ekzempleroj, aperas Esperanto-rubriko, kies gvidanto estas d-ro Ferenc Jáki.

* En la francaj gazetoj „Le Figaro", „France-soir", „Le Limousin", „L'Alsace", „L' Independant Honfleurais", „Ecole duFrance dans le monde" kaj aliaj aperigis priesperantajn artikolojn kaj informojn.

* En gazeto „Tagesschpigel", aperanta en Berlin, estas publikigita la artikolo „Esperanto hodiau", de Hans Kalus tradukita rusen kaj represita de la granda soveta gazeto „Izvestija".

* La ruslingva „Tbilisa junularo de Kartvelio" aperigis artikolon pri Internacia Junulara Kongreso en Pécs. En alia n-ro de la ĵurnalo aperis sur tuta paĝo artikolo okaze de la 50-a datreveno de la morto de Zamenhof kaj opinioj de elstaraj homoj pri E. „Molodoj Sibirjak" — Omsk-a ĵurnalo-aperigis intervjuon pri E. La Kieva ĵurnalo „Leninskij Ŝijah" aperigis grandan artikolon pri Internacia Lingvo.

* Sveda progresema gazeto publikigas senpage korespondezirojn eksterlandajn. Adreso: Ny Dag, „Fritt fram", Box 361, Stokholm 1, Svedio.

**La sonĝo kaj la kariero de unu ĵurnalisto**

29-a de aŭgusto 1893.

Reportero - malbonŝanculo de la amerika gazeto „Globo“ Edward Samson ekdormetas en la disŝiriĝinta redakcia divano. La dormeto daŭras sep horojn, horoj plenplenaj je alloga kaj terura sonĝo: fajroflamaj torentoj de lafo, grandegaj ondoj, detruigantaj la ŝipojn kiel ovojn, sinsekvaj ripetiĝintaj tondroj, panikaj urboj de mortdestinitaj indiĝenoj sur unu insuleto apud Javo. Kaj fine potenca eksplodego, kiu transformas la insuleton en profundan fajrospirantan krateron.

Post sia vekiĝo Samson, influata de la terurega premsonĝo, priskribas sufiĉe detale sian sonĝon. Distrita de sia laboro, li forgesas la manuskriptajn foliojn sur sia tablo kaj eliras. Iom pli poste venas la redaktoro, tralegas la sensacian „gazetinformon“ kaj sub okulfrapanta titolo aperigas ĝin sur unua loko de la gazeto. La „sensacia novaĵo“ estis represita preskaŭ de ĉiuj grandaj amerikaj gazetoj. Sed. . .

Kelkajn tagojn la redakcioj de la gazetoj atendas novajn faktojn pri la publikigita evento. Sed tiaj ne venas. Eĉ ne venas konfirmoj.

Oni atakis la malfeliĉan kulpulon per akraj blasfemaj riproĉoj. Ne helpas al li la sinpravigo, ke la „informo“ ne estis destinita por aperigo. La reportero Samson restas senlabora.

Ĝuste en tiu momento sur la amerikan marbordon invadas ondoj kun neordinara alteco. Kune kun tio komencas ekaŭdiĝi informoj pri terurt malfeliĉo en la Hinda oceato. Post kelkaj tagoj venas ĝusta informaĵo pri erupcio de la vulkano Krakatua, proksima al insulo Javo.

La eventoj, pri kiuj sonĝis Samson, efektive okazis en la antipodo de la terglobo (de amerika urbo Boston). Kaj tio okazis en la sama momento, kiam la dormena ĵurnalisto turniĝis en la disŝirita divano.



**La ribelo, la reklamo kaj la ŝtopita botelo**

4-a de majo 1882.

La maristoj de la brazila gardista kanoto „Araguri“ kaptis en la maro ŝtopitan botelon. En ĝi oni trovis folion de biblio, sur kiu en angla lingvo oni skribis kun incitiĝema, neklara skribmaniero:

„Sur la ferdeko de la ŝipo „Si Hiro“ komencis ribelo. La kapitano estas mortigita. La unua vickapitano estas ĵetita en la maron. Kiel duan kapitanon, oni devigis min preni la direktilon kaj mi gvidas la ŝipon al la enfluejo de Amazonka — 28° longitudo kaj 22° latitudo, kun rapideco 3,5. Savu nin!“

La kapitano de „Araguri“ kontrolas en la ŝipa registrolibro. Oni konstatas, ke tia ŝipo efektive ekzistas, konstruita en 1866 jaro. La brazila kanoto en la momento troviĝis proksime de la montritaj koordinatoj. Komencis la persekutado. Post kelkaj horoj la ribeliĝinta ŝipo estas atingita. Okazis interpafado. Fine la ribelantoj kapitulacis antaŭ la pli bone armitaj brazilaj maristoj. Oni liberigis la arestitan en la holdo — duan kapitanon kaj kelkajn maristojn, ne aliĝintajn al la krimuloj.

Inter la dua kapitano de „Si Hiro“ kaj la leŭtenanto de „Araguri“ komencis interparolo:

— De kie vi eksciis pri la ribelo? — demandis la dua kapitano. — Ja la ribelo komencis apenaŭ hodiaŭ matene.

— Ni ricevis vian avertleteron-respondis la leŭtenanto.

— Sed ni sendis nenian

avertleteron.

La leŭtenanto montris la leteron, skribitan sur biblia folio. La manuskripto estis nek al la dua kapitano, nek al iu alia ŝipanarano.

La enigmo estis solvita pli malfrue dum la juĝa proceso kontraŭ la ribelantoj, okazinta en Anglio. Kaj tiu evento transformiĝis en sensacion.

Kio tamen okazis? 16 jaroj antaŭ la priskribita ĉi supre evento iu Parmington aperigis sian aventuran romanon „Si Hiro" (Mara heroo). Por certa tempo la romano populariĝis dank'al la ruza reklama truko de ĝia aŭtoro: en la maron oni jetis 5 mil botelojn kun la sama teksto, skribita sur bibliaj folioj.

Unu el tiuj boteloj 16 jarojn pli poste savis la vivon de kelkaj maristoj.

**La malbona romano kaj la pereo de „Titanik"**

1896.

En Ameriko aperas romano malbonkvalita. Ĝia aŭtoro estis marista ekskapitano Morgan Robertson. En la romano oni rakontis pri la unua vojaĝo kaj la pereo de ŝipo kun grandegaj dimensioj-fantaziaj tiutempe. Tiu triŝraŭba vaporŝipo kun longeco de 800 futojn veturigis 3 000 pasaĝerojn de Eŭropo al Ameriko. Proksime de la amerika marbordo ĝi puŝiĝis kun glacimonto kaj dronis en la maro. La nomo de tiu fantasta vaporŝipo estis „Titanik".

14 kontraŭ 15 de aprilo 1912 jaro.

Rezulte de puŝiĝo kun glacimonto mara apud la amerika marbordo pereis la venanta de Eŭropo plej granda tiutempe marŝipo „Titanik". Dum tiu unua kaj lasta sia vojaĝo „Titanik" (triŝraŭba) portis 3 000 pasaĝerojn. La longeco de la ŝipo estis 820,5 futojn.

Hazardoj aŭ. . . Miraklaj kuincidoj, ĉu ne?

---

## SCIIGOJ—ANONCOJ—INRORMOJ—PETOJ

### D-ro Unger — Akademiano

La „Académie Internationale du Tourisme", la plej alta spirita instanco de la internacia turismo, kies sidejo troviĝas en Monte Carlo kaj kies protektanto estas la Princo Rainier de Monako, elektis nian svisan samideanon D-ron Hj. UNGER en Zürich kiel novan membron. Per tiu elekto la Akademio volis honorigi D-ron Unger por lia nun 20-jara senlaca subtenado kaj defendado de la kultura turismo.

D-ro Unger, veterano de Esperanto (1908), estas profesia fakulo de la turismo: ĉefredaktoro de la germanlingva turista revuo „Welt auf Reisen" (La Mondo de la Vojaĝoj), prezidanto de la „Svisa Unuiĝo de la Ĵurnalistoj de la Turismo" kaj gvidanto de la „Esperanto-Komitato por la Internacia Turismo".

Nia TEĴA-ano Unger ofte en siaj artikoloj en la redaktata de li revuo mencias la Internacian Lingvon kaj ĝian neceson por la internacia turismo. En lia ĉefartikolo „Reizen zwischin Krieg und Frieden", aperinta en n-ro XIX/3, li ree mencias la valoron de Esperanto.

### Geedziĝo

* La Konstanta Kongresa Sekretario Glauco G. Pompilio la 8-an de septembro edziĝis en Rotterdam al f-ino Horiko Takano el Tokio.

### Niaj aktivuloj

* La estrarano de TEĴA Jerzy Uspieński el Varsovio ek de la komenco de 1967 j. estas jam redaktoro de „Pola Esperantisto" — organo de la pola Esperanto—Asocio. Pro financaj malfacilaĵoj „P. Esp." ne aperis en 1966.

### Dezirataj materialoj

* s-ano L. van den Briele, Postbus 673, Bruselo I, Belgio, petas materialojn pri sia verko je temo „Milito kaj paco en mondliteraturo". Necesaj estas informoj (eventuale antologioj) pri la nomita temo, ankaŭ ikonografiaj materialoj-fotografaĵoj aŭ reproduktaĵoj rilatantaj al milito kaj paco.

### Nova scienca revuo „La Monda Lingvo-Problemo"

* La Centro de Esploro kaj Dokumentado (CED) de UEA decidis komenci eldonadon de unuaranga altkvalita revuo sub titolo „La Monda Lingvo-Problemo". La unua numero de la revuo aperos en la unua triono de 1969. La revuo pritraktos la problemon en ĉiuj ĝiaj ĉefaj aspektoj: pure lingvistika, ekonomia, psikologia, socia, politika k. a. La artikoloj kaj studoj estos verkitaj en angla, franca, hispana, rusa kaj aliaj naciaj lingvoj laŭ elekto de la aŭtoroj, sed ĉiam kun ampleksaj resumoj en la Internacia Lingvo.

### „Kio plaĉis al mi en Hungario"

Tio estis la temo de fotokonkurso, kiun organizis la Hungara Landa Fremdultrafika Oficejo. Premioj inkluzivis televidaparaton, dusemajnan libertempadon en Hungario k. s. Pri la rezultoj „I. Ĵ." donos informojn.

### Alia Internacia Konkurso

Organizas Esperanto-grupo Pistoia, ĉe ente Provinciale per il Turismo, Corso Grausci 110, I-51100 Pistoia, Italio. Oni ebligas senpagan viziton al la venkintoj en tiu literatura kaj ĵurnalista konkurso.

### INTERNACIA RENKONTIĜO

de komercistoj-esperantistoj okazos dum la printempa foiro 1968 en Leipzig, sabaton, 9. 3., 10a horo, en: Klub der Intelligenz „Gottfried Wilhelm Leibniz", Elsterstr. 35. Post modesta kulturprogramo estos eblecoj konversaciadi laŭdezire. Interesuloj anoncu partoprenon al: Germana Kulturligo-Esperanto, GDR 701 Leipzig, Käthe-Kollwitz-Str. 115.

## RECEVITAJ ESPEPANTAĴOJ

Mikis Theodorakis — kvar- paĝa, sur la unua — la portreto de la fama greka komponisto kaj patrioto, arestita de la reakcia grupo militistara, akirinta la regpotencon per puĉo en Greklando. Sur la aliaj tri poĝoj — la letero de la malliberigita demokrato, skribita en la malliberejo kaj anonco pri la konkurso pri teksto laŭ la melodio, komponita de li. Organizas la Oficejo de Demokratia Junulara Mondorganizo. La rezulton ricevas Radio Budapest, Hungario.

Kantoj de niaj patroj. — Libro-kantaro notita, 99-paĝa kaj interesa por kantemuloj. Notoj kaj tekstoj de revoluciaj kantoj. En la fino de la kantaro sur 14 paĝoj estas historiaj kaj aliaj rimarkoj pri la kantoj. Eldonis: Komisiono pri Internaciaj ligoj de Sovetaj esperantistoj, Moskvo, 1967.

Por la Paco — sesa kajero 1966, kaj Por la Paco — kajero sepa 1967. (102 kaj 104 paĝaj). Ambaŭ libroj enhavas interesajn artikolojn, versaĵojn, karikaturojn k. a. Eldono de la Komisiono pri Internaciaj ligoj de Sovetaj esperantistoj, Moskvo, USSR.

Universala deklaracio de homaj rajtoj — en Esperanto eldonis Universala Esperanto-Asocio okaze de la Internacia jaro de homaj rajtoj 1968.

Informa Bulteno de la Foiro en BRNO. — Grandformata stencilita broŝuro kun informoj kaj notoj pri la fama internacia foiro en urbo Brno, Ĉeĥoslovakio.

Malfermita letero al Universala Esperanto-Asocio. — Grandformata 26-paĝa broŝuro stencilita kun materialoj defandantaj la idearon de la arabaj popoloj, kontraŭ la israela agreso. Sendis: Husain (Husen) Muhammed Al-Amily, Defterdar, Bagdad, Irak.

Parolas Pola Radio. — Faldfolia prospekto-programo de la elsendoj en Esperanto de oktobro 1967 ĝis aprilo 1968.

Nordseebad List auf Sylt — belaspekta ilustrita faldfol a prospekto kun aldona esperanta traduko de la enhavo.

Kun la defendantoj de Kon Ko — de Nhujen Khai. 116-paĝa libreto raportaĵo pri la heroa batalado de la Kon Ko — insulanoj kontraŭ la usonaj agresantoj. Eldonis: Fremdlingva Eldonejo, Hanojo, Vjetnamio.

Katalogo de la hungarlanda Esperanto-Biblioteko — 290-paĝa broŝuro, eldonita en Szeged de la Hungarlanda Esperanto-Muzeo kaj Biblioteko. Adreso: Somogyi-könyvtar, Szeged pf. 441. Hungario.

Jarlibro 1967 — dua parto — de Universala Esperanto-Asocio. — 64-paĝa kun la plej gravaj faktoj pri UEA kaj Esperanto-movado.

Suda Vjetnamio — faldfolia ilustrita broŝureto pri la milito en Suda Vjetnamio. Suplemento al la Vjetnama „Paco".

Pluvas sur la arbaron — rakontoj pri la Lao-popolo. Libreto 90-paĝa. Neo Lao Haksat — Eldonejo, 1967.

Vojaĝu kun ĝojo per Norvega Ŝtata Fervojo — NSB. Kolorilustrita faldprospekto kun mapo de Norvegio.

Kontraŭ la Usona agreso por la nacia savo — libro 150-paĝa kun deklaroj, respondoj al intervjuoj. . . de la prezidanto de Vjetnamio Ho Chi Minh. Eldono de Fremdlingva Eldonejo, Hanojo 1967, Vjetnamio.

La Germana popolo kaj la Unuiĝintaj Nacioj. — Propono de la Ŝtat komisiono de GDR koncerne ĝian membrecon en la Organizo de UN. Grandformata libro 64-paĝa. Eldonita en Dresden, Germanio (GDR). Liverebla ĉe: Centra Laborrondo de la Esperanto-amikoj de la GDR en la Germana Kulturligo, 10 Berlin, Vharlottensstrasse 60.

## Tradukoj en Esperanton kreskas ĉiujare

Dokumento jus eldonita de la Centro de Esploro kaj Dokumentado de Universala Esperanto-Asocio listigas laŭlande 60 tradukojn en la Internacian Lingvon Esperanto eldonitajn dum 1966 en 14 landoj. La dokumento estas kontribuo al la monda listo de tradukoj **Index Translationum** ĉiujare eldonata de Unesko. Kompare kun antaŭaj dokumentoj de la sama Centro montras, ke dum la 10-jara periodo 1957—1966 aperis entute 344 tradukoj en la Internacia Lingvo, kaj ke la eldonado daŭre kreskas. Eu tiuj dek jaroj aperis tradukoj en Esperanto el 29 lingvoj, de la islanda ĝis la japana, eldonitaj en 28 landoj. Pli ol unu triono de la tradukoj (137) estis beletraturaj. La aliaj plej gravaj klasoj estas juro, politiko kaj ekonomiko (92 tradukoj) kaj historio, geografio kaj biografio (45 tradukoj).

# DANĜERA POZICIO

Estis vakanta ofico en lu granda varo-magazeno, kaj S-o Mortensen intencis aspiri.

„Vi ne ricevos ĝin", lia edzino pesimisme diris.

„Oni nenion perdas provante", diris Mortensen. Post tio, li vestis sin per bela, malhela vesto, cirumis la ŝuojn ankoraŭ unu fojon, kaj demandis al Sinjorino Mortensen ĉu la kravato sidas ĝuste.

„Jes, ŝi diris, sed tamen vi ne ricevos la oficon".

„Tiu kiu nenion riskos nenion gajnos", diris Mortensen kviete, kaj post tio li elserĉis la personestron de la firmo.

— Koncernas la oficon kiu anonciĝis vakanta, li diris.

— Sidiĝu, diris la personestro, kaj Mortensen sidiĝis. Ĉu vi havis similan oficon antaŭe?

— Ne, sinjoro.

— Vi do ne havas spertojn je la afero?

Mortensen skuis la kapon. Tion li ne havis.

La personestro sidis, iomete inspektante lin intense. Mortensen ne ŝanĝis mienon. Li nur sidis tie, aspektante malgranda kaj pacema. Tiam la personestro subite eksaltis eksplodante.

— Kion vi efektive imagas, homo? Ĉu vi neniam havis similan oficon? Kaj tamen vi eniras tien-ĉi trudante vin al mi kaj okupas mian multekostan tempon!

— Jes, nu jes, Mortensen murmuretis ne palpebrumante.

— Ĉu vi eble kredas, ke mi ne havas alian okupon? la personestro kriegis plu. Ĉu vi tute frenezigis?

— Ĉar la ofico anonciĝis vakanta, oni do havas la rajton ĝin aspiri, diris Mortensen stoike, ne sin movante sur la seĝo.

La personestro forte pugnobatis la skribotablon.

— Eliru rapide!—li kriegis.

Mortensen restis kviete sidanta.

— Vi estas la plej stulta persono, kiun mi jam renkontis, diris la personestro. Vi fakte estas tiel mallarĝanima, ke eĉ ne utilas enkapigi en vian dikan kapaĉon, ke vi forĵetas kaj mian tempon kaj la vian.

— Tio estas ofenda, diris Mortensen paceme.

— Jes, kio do?

Mortensen levis la ŝultrojn. „Nenio", li diris.

La personestro kaptis lin je la surtuta kolumo.

— Stultegulo, li siblis. Mi prizorgos ke vi ekhavos vian eksigon.

— Mi ja ne dungiĝis tie-ĉi.—Mortensen permesis al si informi tute paceme.

La personestro ignoris tion. „Mi neniam forgesas vizaĝon, kriegis li, kaj vian vizaĝon mi neniam facile forgesos.

— Ŝajnas al mi, ke vi provu esti pli kvieta,—diris Mortensen kviete. Rigardu kiel kvieta mi estas.

La personestre denove kaptis lin je la kolumo. Ĉu vi estas senrespekta? Mi certe plendos pri vi al viaj superuloj.

— Mi ankoraŭ ne havas superulon,—diris Mortensen rigardante la personestron per siaj rondaj, bonanimaj okuloj.—Sed mi ekhavus superulon se vi permesus al mi ricevi la oficon.

La personestro denove malsuprenfalis sur la seĝon. Li sidis kelke da sekundoj rigargante Mortensen.

— Ĉu vi ne perdus la prudenton, min kaptus je la gorĝo kaj ĝin premus?

Mortensen aspektis vere terurita je tia penso.

— Ho ne, li diris.

— Premia sentaŭgulo! kriegis la personestro. La vorto estis tute senefika al Mortensen — kvazaŭ versi akvon sur anseron.

— La ofico estas via! li diris amike ridetante. Vi estas la viro, kiun ni bezonas. Vi rajtas komenci morgaŭ.

La venontan tagon Mortensen sidis en malgranda, ronda vitrokaĝo, plej interne en angulo de la granda magazeno. Sur ŝildo, super la giĉeto de la vitrokaĝo, staris tute simple: „Reklamacioj".

**Y. Breinholdt** (esperantigis R. D. Dreyer)

El „Norvega Esperantisto"

Ŝtefo Urban

## LA KOKOSO
dediĉita al la K. K. S.

KIU FRAUS
EN LA ROSO. . .?
De mateno ĝis vespero
gaje kuras sur la tero:
LA KO-KO-SO!

KIU DRIVAS
SUR LA FLOSO. . .?
Por vivigo, por instigo,
de la digo al la digo:
LA KO-KO-SO!

Kiu majstras
pri l' Kaoso. . .?
De la lando al la lando
propagando laŭ komando:
LA KO-KO-SO!

KIU RIDAS
PRI LA GLOSO. . .?
Mia mio, lia LIO —
la Kongres-Sekretario
LA KO-KO-SO!

En la „Kongresfanfaroj"

Grigorij Organov



Laŭ la homo kaj. . .

## INTERNACIAJ HUMORAĴOJ

### Aŭstria humoro

Edzo diras al sia edzino:

— Mirinde, kiu el ni estis tiom stulta konsentinte pri nia geedziĝo!

* * *

Oni rakontis al knabo la historion pri Vilhelm Tel kaj la kruela Gesler. La infano atente aŭskultis kaj poste demandis:

— Kaj la pomo? Kiu formanĝis ĝin?

* * *

Edzino riproĉas sian edzon reveninta hejmen ebria frumatene:

— Senhontulo! Dum la tuta nokto mi ne dormis!

— Kaj ĉu mi estis dorminta!? — respondis la ebriulo.

### Angla humaro

S-ro Braun: — Pasintan semajnon sablero eniris en la okulon de mia edzino kaj la medicinisto prenis 5 lirojn por eligi la sableron.

S-ro Smit: — Tio estas eta afero. Pasintan semajnon unu veltpalto eniris en la okulon de mia edzino kaj tio kostis al mi 300 lirojn.

* * *

Tri ŝtonfiguroj gardas la enirpordon de la palaco Kristianborg (danlanda parlamentejo en Kopenhago). Ili signifas: oreldoloron, stomakdoloron kaj kapdoloron.

— La figuroj staras tie ĉi-eksplikas la kondukanto-danlandano, — por memorigi, ke se vi komencos okupiĝi pri politiko, vi havos la tri suferojn.

* * *

— Jes-diris la edzino, — mia edzo tre helpas al mi. En la momento li dormas anstataŭ mia infaneto.

* * *

Kiam skoto aŭdas spritanekdoton li ridas trifoje: post kiam oni rakontis la humoraĵon, poste kiam oni eksplikis ĝin kaj fine kiam li konjektis ĝin.

Kiam anglo aŭdas spritanekdoton li ridas dufoje: unufoje post la rakonto kaj postepost la ekspliko. Bedaŭrinde li neniam povas kompreni ĝin.

Uelsano ridas nur foje: kiam oni rakontas la humoraĵon. Senutile estas tamen klarigi ĝin al li, ĉar li neniam povas kompreni ĝin.

Irlandano, aŭdinte spritanekdoton ne ridas, ĉar ĝi jam estas konata al li.

## Soveta humoro

— Mia edzino parolas al si mem sola.
— Ankaŭ la mia. Sed ŝi ne scias tion, ĉar ŝi pensas, ke mi aŭskultas.

* * *

La koko donis skribpeton por studi en la muzika lernejo.
— Kial estas necese al vi studi muzikon- demandis lin la najtingalo. — Ja vi sen tio kantas bone?
— Mi bone scias tion-respondis la koko, — sed miaj kokinoj postulas de mi diplomon

* * *

— Panjo, se ekzemple infano formanĝos ranidon, ĉu ĝia voĉo estiĝos ransimila?
— Ne, sed la infano tuj mortos.
— Sed mi ne mortis.

* * *

Porko vizitis pentrartan ekspozicion. Inter la multaj pentraĵoj tie troviĝis ankaŭ spegulo. Vidinte sin en la spegulo la porko diris:
— Tiu ĉi bildo estas la plej bela — kaj suprenlevinte sian voston, ĝi foriris el la salono.



— Fileto, stariĝi kaj donu la lokon al la onklino

## Pollanda humoro

Fervora ĉasisto rakontas al siaj konatuloj pri siaj ĉasistaj sukcesoj:
— Dimanĉe mi trafis grandegan leporon, jen tian-montrante per manoj la grandecon.
Iu el la aŭskultantoj, ankaŭ ĉasisto, demandis lin:
— Ĉu nur ĝia kapo estis tiom granda?

* * *

Edzo diras al sia edzino, kiu avertas al li, ke en la tumulto iu ŝtelisto penas enŝovi sian manon en la edzan poŝon.
— Nu, edzino kara, interkonsentu kun la ŝtelisto kolegece kiu el vi eligu mian monujon.

* * *

Gepatroj ricevas leteron de sia infano (somerumanta en infantendaro), en kiu ĝi skribas:
„La unuan ripoztagon mi enuis pro manko de amikoj. La duan tagon mi estis pli gaja, ĉar mi amikiĝis kun kelkaj infanoj. Nun mi estas bonege: mi jam havas ankaŭ malamikojn.

## Serbo-kroata humoro

Du kriminaluloj interparolas. La unua diras:
— Jen kia estas la sorto! Kiam mi eniris la unuan fojon en la malliberejon, oni instruis min legi kaj skribi. Mi estis analfabetulo. Kaj nun mi ree eniris la malliberejon pro falsado de dokumentoj.

* * *

Dum meznokto komencis incendio. Duonvestita geedza paro forlasas la bruliĝintan domon. Flankeniĝinte de la incendio la edzino ĉirkaŭbrakas gaje sian edzon dirante:
He, karulo, — diras ŝi — de tri jaroj por la unua fojo ni eliras el nia loĝejo kune.

* * *

— Mi venas akordigi vian pianon.
— Sed ni ne invitis vin pri tio.
— Viaj najbaruloj petis min pri tio.

## ESTRARO DE TEĴA

*Prezidanto — Olav Thormondsen, P. O. Box 59, Haugesund, Norvegio.*

*Vicprezidanto — Niilo Kavenius, Taskulantie 1, H139, Turku 9, Finlando.*

*Ĝenerala Sekretario kaj Redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" — Ivan Keremidĉiev Esperov, bul. „Hristo Botev" 98, Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04.*

*Estraranoj: N. F. Danovskij, Metrostroevskaja 3/14, kv. 1., Moskaa G-34 USSR; s-ino Karen Salmose, Dalgatan 3A, Märsta, Stokholm, Svedio; Imre Szenes, Rakoczi ut 54, Budapest VII, Hungario; Jerzi Uspienski, Anielewicza 2 m 32, Warszawa, 1, Pollando; s-ino Zlata Flego, Zagreb, Jugoslavio kaj I. Lepsen, Danlando. (La lastaj du adresoj neplenaj).*

## Novaj membroj de TEĴA

Georges Bossy, F 13 Aix-en-Provence, Francio
Stefan Maul, Hubertusstrasse 2 A, D 625, Germanio (GFR)

## Novaj verkoj de s-ano Blajkov

Nia odesa amiko kaj skulptisto N. V. Blaĵkov (Sovet-Unio) komencis skulpti ne grandan buston (alta 45 cm) de la fama rusa akademiano Sergej Vladimiroviĉ Obruĉov por la Esperanta Muzeo (laŭ peto de s-ano Tupijanc N. Y.). Baldaŭ li skulptos grandan kapon de L. L. Zamenhof, por la jubilea ekspozicio en Odesa. Tiu skulptaĵo estos fragmento de lia projekto por granda monumento de Zamenhof (sidanta figuro de la aŭtoro de Esperanto, de bronzo, alta 3 metrojn).

Nikola Rudiĉ



Ne turnu kapon post ĉiu pantalono





Sen vortoj

**La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" plej sincere salutas siajn legantojn kaj membroj de la organo okaze de la Nova 1968 Jaro kaj la vintraj festotagoj!**

Redaktoro: Ivan Keremidĉiev Esperov, blv. Hristo Botev 98, Sofia 2, Bulgario, telefono 83-34-04

## ESTRARO DE TEĴA

*Prezidanto — Olav Thormodsen, P. O. Box 59, Haugesund, Norvegio.*

*Vicprezidantoj — Niilo Kävenius, Taskulantie I, H139, Turku 9, Finnlando; N. F. Danovskij, Metrostroevskaja 3/14, kv.1., Moskva G-34 USSR.*

*Ĝenerala Sekretario kaj Redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" — Ivan Keremidĉiev Esperov, bul. „Hristo Botev" 98, Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04.*

*Estraranoj: s-ino Karen Salmose, Dalgatan 3A, Märsta, Stokholm, Svedio; Imre Szenes, Rakoczi ut 54, Budapest VII, Hungario; Jerzi Uspenski, Anielewicza 2 m 32, Warszawa, I, Pollando; s-ino Zlata Flego, Zagreb, Jugoslavio kaj I. Jepsen, Danlando. (La lastaj du adresoj neplenaj).*

KOMITATANOJ DE T. E. Ĵ. A.

Ĉeĥoslovakio — Vladimir Kvapil. Nădražn 334, Bludov, okres Šumperk.
Rumanio, Stefan Freamat, str. Gabriel Peri 4, Bukuresti.
Israel — Oskar Berman, rehov Tarna 49, P. K. 30, Hedera.
Vjetnamio — Dau — Anh Kna, No Quoctenou Bv Vietnam, Hanoi (via URSS).
Ĉinio — Shi Si-wei, ĵurnalista fako — Pekina Universitato, Peking.

REPREZENTANTOJ DE T. E. Ĵ. A.

Germanio (GFR) — Maria Vogel, Kniebestrasse 31 Stuttgart.
Japanio — Kyosuke Yukimara, 851, Shinobe Befu Kakogawa.
Brazilo — Sylla Chaves, Rua Bona Mariana, 97, apart. 805, Botafogo, Rio de Janejro.
Aŭstrio — Alois Hilkersberger, Lötzweg 15, Landeck, Tirol.
Francio — Jean Dalet, 79-bis Rue du Chateau, Asnieras, (Seine).
USONO (U.S.A.) — Conrad Fisher, Secretary, R.F.F.I, Cavlin Street, Meadville, Penzylvania 16335.
Aŭstralio — Iréne Fink, F. C. Box. Mount Waverlev, Victoria.

La estraranoj de TEĴA estas membroj de la Cetra Estraro. Ili estas elektataj en ĝenerala fakkunveno.

Komitatanoj estas en tiuj landoj, kie ekzistas pli ol 5 asociaj membroj. Ili estas elektataj de la landaj membroj aŭ nomataj de la Estraro kaj havas rajton prizorgi la aferojn de TEĴA en sia lando kaj se necese voĉdoni kiel konsilantoj de la Estraro pri gravaj demandoj.

La reprezentantoj reprezentas la asocion en sia lando, kie estas malpli ol 5 membroj.

Ĉiuj-estraranoj kaj reprezentantoj laboras por aligo de novaj TEĴA-membroj, por plenumo de la decidoj de la ĝenerala kunveno kaj de la instrukcioj de la Estraro. Ĉiuj ili kolektas la membro — kaj abonkotizojn en sia lando (ankaŭ en najbaraj landoj) kaj konservas la monsumojn ĉe si ĝis kiam aperas ebleco transdoni ilin (laŭ peto de la Sekretario) al la redakcio de „Int. Ĵ-sto".

La membrokotizo (kaj la abonkotizo) de „Internacia Ĵurnalisto" jam estas 1,20 usona dolaro aŭ egalvaloro pro senvalorigo de la mono en Okcidento.

# HUMORO

G. Ciferov

### Diskuto

Azenido kaj ursido konstante diskutas. La unua parolas: „Ĉio venas", la alia — „Ĉio foriras".

Vekiĝante matene la ursido ĝojkrias: — Jen, la mateno venis. Kaj la azenido lamente kontraŭas: — Nu, jes. La nokto foriris.

Dum la tago ripetiĝas la sama afero. Kiam la ursido ekkrias: — La tago venis! la azenido ekploras: — Nu, jes, ja la mateno foriris.

Kaj jen kio okazis foje. Al ili faris viziton elefanto.

— Vidu, vidu! — ekkriis la ursido. — Al ni venis elefanto.

— Nu, jes. — eklamentis la azenido — Ĝi ja foriris el sia hejmo.

### Interparolo kun infanoj

— Ĉu vi scias, ke ĉiuj homoj devenis de simio, kaj mi kaj via panjo ?

— Vi. . . jes, povas esti, sed mia panjo — ne!

*

— Nu, Anjo, sufiĉas, ne ploru plu! . .

— Tamen mi ploras ne pro vi, sed pro onklinjo Nina.

*

— He, panjo, kial vi naskis la abomenan frateton Guka n? Estus pli bone se li ankoraŭ sidus en via ventro kaj enuus tie dum la tuta sia vivo.

El la rusa: A. Sidorov

Redaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, bul. Hristo Botev 98, Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04